Jaro 12 Februaro 1960 N-ro 3



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**
LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA
Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando



La Kandar-viadukto de la Bern-Lötschberg-Simplon-Fervojo ĉe Frutigen

## La 12a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso




HELSINKI Finnlando 11 ĝis 16 junio 1960

Adreso: Helsinginkatu 6 B 50, Helsinki

Bankkonto: 60264 PYP Pohjois - Haaga, Helsinki

**Informilo n-ro 3**




### ĜENERALAJ INFORMOJ

**Korespondado:**

La sola kongreslingvo estas Esperanto. Persona korespondado nur kontraŭ respondkupono. Sendu la aliĝilon rekte al la L.K.K.

**Kongreskotizo:**

Kongresano, antaŭ la 1-a de marto: 1400, poste 1700 Fmk.
Familiano kaj pensiulo 800 Fmk, familianoj malpli ol 15 jaraj senpage.
Simpatianto 400 Fmk (ĉiu simpatianto, kiu estos paginta la kongreskotizon, ricevos la kongreslibron kaj la -insignon).
La limtago por aliĝi estas la 30-a de aprilo 1960.

**Ekskursoj:**

La kotizo por la tuttaga ekskurso estas 1800 Fmk por tiuj kiuj havas liberajn trajnbiletojn (inkluzive manĝadon dufoje kaj ĉiujn aranĝojn dum la vojaĝo).

**Kiel pagi:**

La aliĝilo validas nur kun samtempa pago al la kongresa banko.
Kongresanoj el landoj, el kiuj ne estas eble sendi la monon al Helsinki, sendu la monon al la landa delegito. La landaj delegitoj sendu fine de ĉiu monato liston de la pagintoj kaj ĉe la alveno en Helsinki finkalkulu kun LKK.

**Glumarkoj:**

Oni povas mendi de LKK. Folio po 10 ekz. kostas 1 resp. kuponon aŭ 40 Fmk.

*ĈE NIA FRONTPAĜA FOTO*

*La Kander-viadukto de la Bern-Lötschberg-Simplon-Fervojo ĉe Frutigen. Tiu viadukto transigas la tutan Kandar-valon en longeco de 265 m kaj alteco de 25 m. Per 11 imponaj apogarkoj ĝi kondukas al la dekstra flanko de la valo, de kie la fervojlinio kun 27-grada supreniĝo daŭrigas al Kandersteg. En la fono Balmhorn kaj Altels, kiuj majeste finas la belan Kandar-valon. La norda deklivo de Frutigen al Kandersteg kaj la suda deklivo de Goppenstein al Brig estas riĉaj je teknikaj konstruaĵoj diversspecaj. La plej granda kontruaĵo de tiu privata fervojo estas la 14.612 m longa Lötschberg-tunelo inter Kandersteg kaj Goppenstein, kiu sole kostis 50 milionoj da frankoj.*

**Tombolo:**

L.K.K. aranĝos tombolon dum la kongreso. La tuta profito iros al „La Internacia Fervojisto". Ĉiuj kongresanoj kunportu donacojn: librojn aŭ aliajn specialaĵojn de sia lando.

**Mendo de trajnbiletoj:**

Por ricevi pli detalajn informojn vi turnu vin al viaj landaj fervojaj instancoj. Ni petis nian fervojan administracion pri rabato por familianoj kaj pensiuloj, kiuj ne alimaniere ricevas ĝin.
Petu trajnbiletojn de via lando al Stokholmo (ŝipe) Turku - Helsinki, aŭ laŭ la longa vojo Stokholmo—Haaparanta—Tornio—Helsinki.
L.K.K. ordigos viajn trajnbiletojn por kien ajn en Finnlando dum la kongreso laŭ viaj deziroj. Ŝipbiletojn mendu vi mem aŭ via vojaĝoficejo al ŝipkontoro Nyman & Schultz, Pasagerareavdelningen, Skeppsbron 22, Stockholm.
Ekveturo ŝipe de Stokholmo la 10-an de junio, alveno al Turku matene la 11-an. Se oni samtempe mendas 25 aŭ pli da biletoj, oni ricevas rabaton de 20 %. Mendante ŝipbiletojn menciu: „Esperanto-grupvojaĝo la 10-a de junio 1960 de Stokholmo al Turku". Estas nepre necese mendi la kajutbiletojn sufiĉe frue.

**Informoj:**

En la ĉefstacidomo funkcios informangulo sabate la 11-an de junio de la 8-a horo matene ĝis 20-a horo vespere. La akceptejo mem troviĝas en la kongresejo.

**Monŝanĝejoj:**

En la ĉefstacidomo, V R Vojaĝoficejo kaj bankoj ĉe la kongresejo.

**Manĝado:**

L.K.K. ordigos komunmanĝojn en restoracio de la kongresejo malmultekoste. Manĝkuponoj estas aĉeteblaj en la antaŭtago ĉe la restoracio.

**Loĝado:**

L.K.K. rezervas hotelĉambrojn kaj amasloĝejojn por mendintoj. Vidu la aliĝilon.

**Preseraroj en la aliĝilo:**

La bankkonto ne estas 60263 sed **60264.**
Mi alvenos... julio, devas esti **„junio".**

## PROPONOJ

1. **De la IFEF-estraro:**

   La kotizo restu la sama.

2. **De G.E.F.A. Germanio:**

   La landaj asocioj, kies fervoja administracio ne konsentas oficialan akcepton de Esperanto en horaran materialon, bonvolu esplori la eblecojn ĉu

ili povas **lui** spacon en la horaro kaj enkonduki esperantlingvajn klarigojn kiel **anoncon.**

**Komentario:** Por la legantoj de la horaro estas egale, de kiu esperantlingvaj tekstoj en la horaroj estas pagataj. Grave estas nur, ke ili troviĝas en kiel eble plej diversnaciaj horaroj.
Pro tio estus rekomendinde, ke tiuj landaj asocioj, kies administracioj oficiale rifuzas la akcepton de Esperanto, aperigu la horarŝlosilon en formo de anonco. Se nur kelkaj asocioj sukcesus tiamaniere, ĉiuj poste povus prezenti al la propra administracio la rezultatojn de la aliaj. Per tia metodo oni verŝajne iom post iom povos konvinki ankaŭ la nevolajn adminstraciojn pri la neceso, imiti la bonajn ekzemplojn de la aliaj kaj **oficiale** akcepti la Internacian Lingvon en la horaron.

3. **De G.E.F.A. Germanio:**

La kongreso **rekomendu** al ĉiuj landaj asocioj esplori la eblecojn, ĉu la fervoja administracio konsentas liveri manikobendojn por la uniformo de kolegoj, kiuj scipovas la lingvon Esperanto.
**Komentario:** En Germanio la administracio eldonas manikobendojn al trajnestroj, konduktoroj, biletvendistoj ktp. en diversaj lingvoj, i.a. ankaŭ kun la vorto „Esperanto". Tiamaniere la pasaĝeroj tuj ekkonas, kiun lingvon regas la koncerna oficisto. Estus rekomendinde, se iom post iom en tuta Eŭropo apud la esperantlingvaj tekstoj en horaroj, ankaŭ tia ekstera signo de nia ekzistado kaj laborado povus esti enkondukata.

4. **De F.F.E.A. Francio:**

IFEF mem sendu sian bultenon rekte perpoŝte al siaj membroj, je la kostoj (ĵurnaltarifo) de la landsekcioj, almenaŭ al la membroj de la landsekcioj kiuj konsentas, kaj pere de banderoloj preparitaj kaj regule senditaj (kun freŝdataj adresoj) de la koncerna sekcio.
Kondiĉe kompreneble ke la kostoj ne superu la mon-ŝparon.

5. **De F.F.E.A. Francio:**

IFEF igu sian bulten-titolon iom malpli funebra.
Komento de la IFEF-estraro: „?????"

6. **De F.F.E.A. Francio:**

IFEF faru referendumon el inter plurnaciaj kompetentaj membroj siaj, por starigi unujaran planon pri la enhavo de sia bulteno. Kio kompreneble ne estus rigida kadro, sed nur gvida programo por la redaktoro.

7. **De S.A.E.F. Svisio:**

Ni aldonu al la IFEF-regularo la jenajn artikolojn:

xy. Honoraj membroj povas esti nomataj personoj, kiuj faris gravajn servojn al la fervojista esperantista movado. La elekto okazas per kongresa decido, je propono de la IFEF-estraro aŭ landa sekcio.

yz. La Honora Membro ricevas diplomon, kiu atestas la elekton. Li havas la samjn rajtojn kiel ĉiu IFEF-membro, sen pagi kotizon kaj rajtas je senpaga kongresa karto por la IFEF-kongresoj.

(Anstataŭ literojn xy kaj yz oni metos la sinsekvajn numerojn laŭ la IFEF-regularo).

8. **De H.E.F.A. Hispanio:**

IFEF eldonu adresaron de la IFEF-membroj.

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1959

La Zamenhofa Jaro finiĝis kune kun nia dekdua organiza jaro, post kio ni klopodos travivigi denove ĉion en niaj pensoj, kio en la pasinta jaro okazis en nia faka organizo.
Sen ia dubo ni povas diri, ke la jaro pasinta estis grava jaro pro la memorigo de la centjara datreveno de la naskiĝtago de la aŭtoro de nia lingvo „ESPERANTO", D-ro Ludoviko Zamenhof.
Multaj kunvenoj estas aranĝitaj kaj certe senescepte ĉiuj Esperanto-gazetoj dediĉis artikolojn pri la vivo de tiu genia homo, ankaŭ la Gazetaro en la diversaj landoj. El propaganda vidpunkto la pasinta jaro multe kontribuis al la diskonigado de la lingvo ĉar certe neniam antaŭe aperis tiom da artikoloj en la gazetoj pri Esperanto kaj ĝia aŭtoro ol en 1959a. La esperantistoj tutcerte partoprenis unu el la solenaĵoj memore al nia Majstro kaj samtempe prenis sur sin la devon daŭrigi la laboron laŭ lia ekzemplo. En la kadro de la Zamenhofa Jaro ankaŭ IFEF laŭpove kontribuis al la rememorigo de la centjara naskiĝtago. S-ro Hugo Steiner en nia 11a kongreso en Linz faris paroladon pri la vivo de D-ro Zamenhof, ni deponis sumon por la Zamenhof-fondaĵo, kaj „La Internacia Fervojisto" de decembro estis grandparte dediĉita al tiu nobla homo.
Per la vortoj „Kun freŝaj fortoj antaŭen en la Zamenhof-jaro al sukcesplena estonto!" mi finis mian pasintjaran raporton kaj ni faru la bilancon pri tiu jaro; ĉu ni povas esti kontentaj aŭ malkontentaj?
La respondoj al tiu demando estos diferencaj ĉar estas ĉiam tiom da aferoj en tuta jaro, el kiuj kelkaj kontentigis sed aliaj kaŭzis la malon. Estus bone pripensi, ke ne ĉio povas iri en organizaĵo laŭ ĉies deziro, ke diversaj cirkonstancoj povas nefavore influi niajn taskojn, el kio kelkfoje rezultiĝas nur ŝajna malvigliĝo en la laboroj. La kaŭzoj estas aŭ restos nekonataj ĉar ili ofte estas provizoraj kaj ne longdaŭraj, sed tamen oni enembarasiĝis dum pli malpli longa tempo.
Malsanoj ne indulgis nin. Nia juna amiko Gerolderinger en Aŭstrio baldaŭ post nia kongreso troviĝis en resanigejo kaj nia s-ano Tschom kun admirinda persisto gvidis la kunvenojn de LKK en la malsanulejo. En Germanio la aktiva sekretariino de GEFA, S-ino Kruse, estis dum certa tempo en resanigejo kaj en Danlando eĉ tri estraranoj devis akcepti saman sorton, i.a. la sekr. V. Braendstrup, la kas. Fisker kaj Erna Krogh.
Estas nur kelkaj el multaj kaj ni deziras al niaj malsanaj gekolegoj tre baldaŭen tutan resaniĝon. Kun granda bedaŭro ni devas mencii la morton de du el niaj fidelaj membroj: Ludwig Rametsteiner el Linz kaj E. Nordin el Stokholmo. Ambaŭ estis fidelaj membroj de IFEF kaj la lasta dum multaj jaroj estis la kasisto de nia Sveda sekcio, ankaŭ en LKK dum nia 8a kongreso. Pri ilia forpaso ni funebras kaj sincere ni kondolencas la familianojn kaj parencojn pro la grava perdo. Ke ili ripozu en paco!

Malgraŭ la multaj malfacilaĵoj en la pasinta jaro estas eble kun iom da optimismo verki la jarraporton. La homaro ja ĝoje atendas malstreĉiĝon en

la mondo post la renkontiĝoj reciprokaj de ŝtatestroj kaj movado, precipe kia estas la nia, povas flori en trankvila sfero. Tiuj simptomoj de pliboniĝo en la sfero inter la popoloj koincidis kun la indaj solenaj okazintaĵoj memore al D-ro Zamenhof. Sendube la U.K. en Varsovio estis la plej impona el ĉiuj kaj ni ĝojas pri la entreprenemo de multaj gekolegoj, kiu ĉeestis la mondskalan kongreson de Esperanto. Speciale ni volas tutkore danki nian kolegon E. Nawrowski, kiu kun plena sindonemo aranĝis la fakkunsidon de IFEF en Varsovio.
Kvankam prezentiĝis malfacilaĵoj rilate al kunveno li sciis kontentige solvi la problemojn pro kio li meritas la sinceran dankon de ni ĉiuj. Kompare kun la U.K. en Varsovio la IFEF-kongreso en Linz estis pli modesta sed certe ne malpli sukcesplena. El komparo kun la membronombroj ni ankaŭ povas paroli pri brila kongreso, precipe, ĉar ĉiuj eŭropaj sekcioj sendis delegiton al ĝi (17). Krom tio ĝi donis bonegan impreson pri niaj celoj kaj rezultatoj al la plej altaj Fervojaj Instancoj, pro kio aliĝis poste al IFEF kelkaj eminentuloj el tiu medio, inter kiuj Kortega Konsilisto D-ro L. Kassecker, kiu jam konkeris la grandan simpation de la kongresanoj pro la intereso kaj ĉeesto en ĉiuj aranĝoj dumkongresaj. Al ĉiuj LKK-anoj en Linz kaj la organizintoj de la Postkongreso en Vieno nian sinceran varman dankon pro la modela laboro.

Tamen pri la nivelo de la diversaj kunsidoj kelkaj estas malpli kontentaj sed tiu malkontenteco jam dormetis dum kelkaj jaroj en niaj vicoj. La kaŭzoj ne estas al ni fremdaj ĉar en daŭre kreskanta organizaĵo oni devas adaptiĝi al novaj cirkonstancoj. Kune kun la organizo ankaŭ kreskadis la laboroj kaj... la nombro da postuloj, opinioj kaj sugestoj. Ne estos necese atentigi pri la logiko, ke tia favora evoluado en organizo samgrade kunportas la neceson disponi pri novaj laborfortoj por la laboroj daŭre pliiĝantaj. Estas necese, ke ĉiu povu plenumi sian taskon kiel eble plej akurate kaj en trankvila sfero ĉar tro streĉita laboro povas nur konduki al malsanoj de niaj geaktivuloj, kio ne nur kaŭzas al nia movado domaĝojn sed pli malpli malfrue bremsos la progresadon. Tial la ĉefestraro ne volonte stimulas la akcepton de diversaj novaj taskoj en unu mano ĉar ni ne malatentu la sekvojn se pro privataj cirkonstancoj iu ne povos plenumi la taskojn kaj anstataŭantoj mankos.
Por tio la ĉefestraro ne povas fermi la okulojn ĉar en la dekdujara prospera periodo de IFEF ni samtempe nombris la jarojn de la funkciuloj en nia movado faka. Juna sango inerte alfluas sed la maljuna sango konstante forfluas kaj tion lastan ni ne povas eviti. Krom tio la plej entuziasmaj junuloj bezonos kelkajn jarojn antaŭ ol senti sin kapablaj transpreni ian taskon. Jam okazis multaj ŝanĝoj en la diversaj estraroj, atente ni sekvas la evoluadon (se la landaj estraroj almenaŭ akurate alsendas la raportojn).
Kvankam ni ne volas esti malkontentaj pri la multaj ŝanĝoj, ni tamen ne jam povas diri, ke la problemo estas solvita. Ni ne tro facilanime diru: „ĉio marŝas bonege!", seninterrompe ni serĉu novajn fortojn por la vakantaj lokoj kaj por novaj taskoj por ke ni povu labori laŭ la novaj cirkonstancoj kaj laŭ el tio naskiĝintaj postuloj.
Kune ni devos travivi la transiran periodon en nia organizaĵo, malnovaj vizaĝoj malaperis aŭ malaperos, novaj estos prezentataj al vi.

Tiuj ĉi enkondukaj vortoj de mia jarraporto estu nur averto por ke ni ne endormiĝu sed niaj membroj kaj legantoj estos ankaŭ scivolemaj pri la organiza vivo en 1959a, post la iom pesimismaj sonoj. La ciferoj sendube donos al vi alian bildon pri la agado kaj la atingita stato.

**La membronombro:**

Komence de la jaro 1959a IFEF havis 2002 membrojn kaj je la fino de la jaro la membronombro estis **2213.** Aliĝis do al IFEF 211 novaj membroj, almenaŭ laŭnombre sed efektive tiu nombro estis pli granda pro la eksiĝo de sufiĉe granda nombro da malnovaj gekolegoj.
Aliĝis al IFEF du novaj sekcioj, kiujn ni tutkore bonvenigas ĉiloke. Estas Pollando kaj Hungario, kaj ni arde esperas etendi pli larĝe niajn flugilojn en la mondo.
Mi mencios la landajn sekciojn kun inter krampoj la membronombrojn, oni tamen atentu, ke ankaŭ post la 31a de Decembro aliĝis kelkaj novuloj. Mi tamen menciis la membronombron je la 31a de decembro:

Nederlando (151), Francio (316), Danlando (102), Aŭstrio (177), Svisio (101), Norvegio (54), Svedio (142), Germanio (571), Aŭstralio (15), Italio (74), Finlando (50), Britio (39), Belgio (23), Bulgario (100), Jugoslavio (129), Hispanio (108), Pollando (8), Hungario (30).

Izolaj mebroj estas en: Ĉeĥoslovakio, Japanio, Usono, Sovetio, Nov-Zelando kaj Alĝerio, entute 24 landoj.
Al la kresko grave kontribuis Germanio, Svislando, Aŭstrio kaj Svedio. La plej grandan perdon ni suferis en Nederlando kaj Finlando.

**La estraro kaj administrado:**

La estraro nun konsistanta el kvin personoj laŭbezone kunvenis ĉar ni elektis datojn laŭ la deĵoroj de kvar el ili. Tio estas ebla ĉar la estraranoj havas ĉiusemajne kontakton dum la konversaciaj vesperoj de la Amsterdama grupo. Malgraŭ kelkaj malagrablaj familiaj cirkonstancoj la estraro laboris laŭpove en amikeco kaj bona harmonio, pro kio stagnoj estis eviteblaj. La tasko de la estraro ne estis facila ĉar ankoraŭ mankas al ni kandidatoj por du vakantaj lokoj en la estraro. Peza estis la ŝarĝo sur la ŝultroj de la malnovaj estraranoj, kiuj pro la multjaraj spertoj instruas al la junaj estraranoj apartajn taskojn, el kiuj la kasisto montros sian kapablon per la financa raporto.
Por la dua sekretario ne nur temas pri apartaj taskoj ĉar post ne tro longa tempo li devos transpreni la tutan taskon de la ĝenerala sekretario, kies reelekto en Linz validas ĝis la 12a kongreso en Helsinki.
Tiuokaze ni staros antaŭ la sama problemo, ke ni minimume bezonos du kandidatojn por la ĉefestraro. Jes, por pligrandigi la problemon ni bezonos iam 4 kandidatojn ĉar ankaŭ la Prezidanto kaj redaktoro estos atingintaj la limaĝon.
Dum la jubilea kongreso en Aarhus ni plene konsciis la taskon por transira periodo en nia organizo, sed nun alproksimiĝas la momento por la definitiva decido kiel solvi la estrarproblemon.
El la estraro venis nenia alludo pri eksiĝo en Helsinki, el kio ni povas konkludi, ke la estraro estos reelektebla, escepte la sekretario, kies restado en la estraro nur povos esti plilongigata per kongresdecido.
En 1959 la nombro da korespondaĵoj denove iom pli malpliiĝis sekve de rekta korespondado al redaktoro aŭ prezidanto, entute alvenis en la sekretariejo 478 korespondaĵoj kaj gazetoj, 179 korespondaĵoj estas forsenditaj + 43 presaĵoj.
Du cirkuleroj estas senditaj al la landaj estraroj kiel eksperimento por plibonigi la kontakton.
Atente la ĉefestraro klopodas sekvi la vivadon en la landaj sekcioj kaj ĝojis

pri la ĝenerala aktiveco kaj... sukcesoj. Kelkfoje la frunto tamen sulkopleniĝas ĉar ni konstatis en kelkaj artikoloj aŭ el letero nekompletan kontentecon pri iuj aferoj. En daŭre kreskanta organizo oni vole nevole renkontos tion ĉar kune kun la membronombro ankaŭ la nombro da opinioj kaj ideoj kreskos samgrade. Antaŭ ĉio ni klopodu atingi la plej bonajn rezultatojn en amikeco kaj bona harmonio.
Tio ankaŭ plifaciligos la laborojn kaj ne kaŭzos eviteblajn kaprompojn. Sendube la akustiko en la salono dum la laborkonsidoj sufiĉe malfaciligis la aŭskultadon pro kio estis necese transplanti la mikrofonon al diversaj lokoj. Bonegan progreson faris nia Terminara Komitato, kiu senbrue laboregis. La nova komitato por la fakaj prelegoj eklaboris kaj ni do atendu la raporton en Helsinki. Al ĉiuj kolegoj, kiuj laboris en tiuj komitatoj ni esprimas nian koran dankon, konvinkitaj ni estas pri la arda volo pliatigi la nivelon de niaj kongresoj malgraŭ ekzistas diversaj opinioj pri metodoj ktp.
Rigardante malantaŭen ni nun demandu al ni mem „ĉu ni estu kontentaj aŭ malkontentaj?" Iom post iom IFEF enpaŝis la medion de la grandaj organizoj, kio metas nin antaŭ diversaj problemoj, kaj ni nur bezonas trovi la vojon al la realigoj de deziroj.

**La perspektivo:**

Estas jam tro frue por ĝojkrii en la nova jaro sed nia Hispana sekcio jam anoncis la aliĝon de 50 novaj membroj. Tiurilate ni ne havu zorgojn se ni ne malatentu niajn novajn taskojn por ke la novaj membroj sentu sin hejme en IFEF kaj trovos tion, kion ili deziras.
Ne estos necese instigi vin al duobla aktiveco, ĉar multfoje ni konstatis ĝin. En Germanio la Fervojoj eldonis novan faldprospekton, nun ankaŭ en Jugoslavio kaj Polujo estas Esperanto-teksto en la Horaro.
Pere de Esperanto okazis en Nancy muzikfestivalo por Fervojaj Orkestroj, por kiu nia malnova amiko Johs. Christoffersen kaj la juna kolegino Estrade el Francio multe sinoferis.
Bedaŭrinde ni lastmomente ricevis la malĝojigan informon el Svislando pri la morto de nia kolego Charles Baumgartner el Lausanne. Tiu ĉi kolego jam estis membro de IFEF de la jaro 1950a. Pri la forpaŝo ni funebras, ankaŭ li restos en nia memoro kiel fidela membro kaj bona kamarado. Sincerajn kondolencojn ni sendas al la familianoj kaj parencoj. Ke nia amiko ripozu en paco.
Niaj foririntaj amikoj estu por ni ekzemplo de fidelo al nia movado, al kiu ili ankaŭ donis siajn fortojn kaj idealismon. La perspektivo ne estas seniluziiga se ĉio funkcias kiel radaro en maŝino.
Pli kaj pli da landaj sekcioj aliĝis al FISAIC, en kiu Internacia Kultura organizo estas fekunda tereno por nia Esp.-movado. Denove estas en Linz du el niaj tre aktivuloj honorigitaj per distingaĵo pere de S-ro Mollion, la Prezidanto de FISAIC. Estas niaj ĉiekonataj amikoj Tschom kaj Angermayer, kaj ĉiloke ni ankoraŭfoje tutkore gratulas ilin por la merita honorigo. Malgraŭ kelkaj neĝustaĵoj en la pasinta jaro ni tamen eniru la novan jaron kun freŝaj fortoj. Koran dankon al ĉiuj sendintoj de gratuloj kaj bondeziroj okaze de la jarŝanĝiĝo kaj la alfluo ĉijare estis tiom granda, ke ne eblis respondi al ĉiuj, pro kio mi afable petas senkulpigon.
Ni do preparu nin por la longa vojaĝo al Helsinki, kie ni pritraktu detale la organizajn aferojn. Antaŭen al novaj progresoj!

La sekretario.

## REDAKTORA RAPORTO

Ankaŭ ĉijare nia organo aperis sesfoje, kun meznombre 12 paĝoj. Sur ĉiu frontpaĝo estis foto koncernanta la fervojon aŭ la esperanto-movadon. Kiam mi pasintjare decidis presigi nian gazeton tiel, mia plej granda zorgo estis: kiel ĉiufoje akiri konvenan foton.
Feliĉe mia alvoko al la membroj ne estis vana. Kelkajn tre belajn fotojn mi ricevis, kaj pere de sinjoro Walder la svisa fervojo pruntedonis al mi eĉ kliŝojn. Bedaŭrinde pro aperigo de kongresa foto kaj bildo de Zamenhof, mi povis en la daŭro de la prunto-tempo uzi nur unu el tiuj kliŝoj.
La enhavon de la organo mi klopodis fari kiom eble plej varia. El senditaĵoj mi transprenis kelkajn novaĵojn, interesajn por ĉiuj membroj.
Pro la limigita spaco mi ne povis represigi tutajn artikolojn el la sekciaj organoj. Ankaŭ kompletajn programojn de diversaj aranĝoj kiel feriosemajnojn, renkontiĝojn ktp. mi tiukaŭze ne povis transpreni, sed nur mencii la okazigon.
En la oktobra numero malfermiĝis la rubriko: „Lingvaj demandoj", kiu trovis bonan akcepton flanke de la membroj. La temo „Vagonaro — Trajno" estis funde diskutata, kaj eĉ ankoraŭ daŭrigata.
Kelkaj membroj supozas ke la opinio de la redaktoro de L.I.F. estas decida. Tio tamen nepre estas erara. La membroj pridiskutu la terminojn, kaj mia tasko estas resumi la tuton, sen aŭ kun komentario. La finfina konkludo estas en la manoj de niaj lingvaj kompetentuloj.
Ankaŭ mi malfermis rubrikon: „La legantoj parolas", kiu ŝajnas al mi tre grava. Nia gazeto ja estas organo por kaj de niaj membroj en kiu ili libere konigu sian opinion, kaj pridiskutu temojn. Mi do forte deziras ke ili vaste uzu tiun okazon.
Kvankam mi ĝenerale estas kontenta pri la kunlaboro de niaj membroj, mi tamen havas iun plendon, sufiĉe gravan, nome ke ne ĉiuj sekciaj redaktoroj obeas la decidon de la redaktora kunveno interŝanĝi siajn organojn.
El kelkaj landoj mi regule ricevas ilin, sed el aliaj, kiuj tamen havas monatan revuon, mi tute ne ricevas ion. Tiamaniere ne estas eble al mi represigi ion de iliaj novaĵoj, sed ankaŭ mi ne havas superrigardon pri ilia labormaniero. Estas tamen ne nur mi kiu ne ricevas tiujn organojn. Ankaŭ el iu sekcio atingis min la sama plendo.
En la redaktora kunveno ni interŝanĝis niajn adresojn, do estas neniu malhelpo pri akurata reciproka sendado. Ne sufiĉas ke oni sendu sian organon nur al la sekretarioj. En multaj landoj la estraranoj loĝas en malsamaj urboj, kaj pro tio la redaktoro ricevas nenion, aŭ tre malfrue.
Mi do petas al vi sendi viajn gazetojn rekte al la landaj kaj IFEF-redaktoroj.
En la Linza kongreso ni ankaŭ decidis ke la sekciaj redaktoroj faru raporton pri sia agado kaj ke du monatojn antaŭ la sekvanta kongreso oni sendu tiujn raportojn al ĉiuj redaktoroj. Nepre ne konservu ilin ĝis en la kongreso, ĉar tie mankas la tempo por bone pristudi ilin.
Nia unua redaktora kunveno ne estis tre fruktedona, sed tio ne estas miriga, ĉar ni faris nian debuton, kaj ne estis sufiĉe preparitaj.
Ke la dua kunsido estos pli sukcesa, pri tio ne dubas

la red. de L.I.F.

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1959

| Enspezoj | | Elspezoj | | |
|---|---|---|---|---|
| Kotizo | f 3.125,01 | Preskostoj L.I.F. | | f 2.237,45 |
| Abonantoj | „ 34,50 | Afrankkostoj L.I.F. | | „ 211,58 |
| Subteno L.I.F. | „ 87,36 | Poŝtmarkoj estraro | | „ 60,81 |
| Rentumo 1958 | „ 24,25 | Kliŝoj | | „ 65,80 |
| Respondkuponoj | „ 4,42 | Reprezentkostoj | | „ 10,50 |
| Glumarkoj | „ 4,95 | IFEF dek-jara | | „ 55,— |
| | | Kontorbezonajoj | | „ 133,18 |
| | | Kotizo U.E.A./SAT | | „ 30,— |
| | | Zamenhofjaro | | „ 60,— |
| | | Propagando | | „ 87,63 |
| | | Nova kapitalo | f 1.826,64 | |
| | | Malnova kapitalo | „ 1.498,10 | |
| | | Profita saldo | | „ 328,54 |
| | f 3.280,49 | | | f 3.280,49 |

## Bilanco de IFEF je la 31-a de decembro 1959

| | | |
|---|---|---|
| Kapitalo je 1-1-1959 | f 1.498,10 | |
| Surpluso 31-12-1959 | „ 328,54 | |
| Nova kapitalo | | f 1.826,64 |
| Pagenda kotizo | „ 433,50 | |
| Adoptitaj anoj | „ 63,— | |
| Izolaj membroj | „ 24,— | |
| | | „ 520,60 |
| Skribmaŝinoj | | „ 1,— |
| Glumarkoj | | „ 65,37 |
| Aliaj havaĵoj | | „ 1,— |
| | | f 2.414,51 |

## Budĝeto pri la jaro 1960

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kasenhavo je 1-1-1960 | f 1.826,64 | Preskostoj L.I.F. | f 2.700,— |
| Donacoj L.I.F. | „ 55,— | Afrankkostoj L.I.F. | „ 250,— |
| Kotizo | „ 3.000,— | Estrarkunvenoj | „ 20,— |
| Vendotaj glumarkoj | „ 5,— | Administraciaj kostoj | „ 100,— |
| Abonantoj L.I.F. | „ 96,— | Kotizo U.E.A./SAT | „ 30,— |
| Pagenda kotizo | „ 520,50 | Diversaĵoj (kliŝoj ktp.) | „ 160,— |
| Subtenantoj | „ 65,— | Ne-antaŭvidotaj kostoj | „ 150,— |
| | | Kapitalo | „ 1.826,64 |
| | | Profita saldo | „ 332,50 |
| | f 5.568,14 | | f 5.568,14 |

Mi petas al la izolaj membroj kaj adoptantoj, kiuj jam dum kelkaj jaroj forgesis la kasiston, plejeble baldaŭ pagi la kotizon, pere de Bankkonto 172680 de „Amsterdamsche Bank", t.g.v. „Spaarbank Stad Amsterdam" n-ro 622275, aŭ al siaj landaj kasistoj.

E. R. Oosterwijk

Ni kontrolis la kason kaj trovis ĉion en bonordo.

J. A. Vermaak
W. Stapel

## INTERNACIA LIGO "MILLENNIUM NOVUM" EN WIEN FONDITA

La 13a de novembro 1959 okazis en mia ĉeesto la fondkunveno de la Internacia Ligo „Millennium Novum" en Wien. La celo de la Ligo estas jam nun kolekti ĉiujn dokumentojn, kiuj rilatas al la venonta jarmilo. Kie ajn en gazetoj, ĵurnaloj aŭ libroj, en filmoj, radio aŭ televido okazas antaŭvidoj koncerne la antaŭvideblan evoluon ĝis la jaro 2000, tiuj ĉi estu kolektotaj. Oni petas skribi ĉiujn datojn (loko kaj tempo, ĉe publikigaĵoj indiko de la koncernaj numeroj aŭ de la libroeldonejo ktp.) al la adreso de la Ĝeneral-sekretario direktoro Alfred Adolf Rotter, Wien IX, Wasagasse 13, Aŭstrio. Tre ŝatata estus ankaŭ konciza epitomo.
La nomita Ligo kompreneble sammaniere estas interesata je ĉiuj datoj, kiuj koncernas la evoluon ĝis la jarmilturno. Ekzistas ja ankoraŭ multaj aliaj problemoj, kies efektivigo ĝis la jaro 2000 estus tre dezirinda. Oni nur pensu al la **kalenderreformo**, kiu jam delonge estas pridiskutata de diversaj internaciaj korporacioj. Tia propono ekzemple celas dividi la jaron en 13 monatoj po 28 tagoj kaj validigi la 365-an tagon kiel „kromtagon".
Estas ankaŭ nekompreneble, ke ĉe la rapidega tempmezuro de nia epoko tiel altevoluitaj landoj kiel Usono, Britujo kaj Sovetunio koncerne la mezuron, peziloj kaj valuto ankoraŭ ne jam estas konformigataj al la internacie kutimaj sistemoj.
Kio nin esperantistojn speciale interesas, estas la celadoj de la novkreita Ligo al la plej vasta dissciigo de Esperanto en la tuta mondo. Se oni ĝis nun ĉiam diris: „Lernu Esperanton!", de nun la devizo estu: „Ĝis la jaro 2000 Esperanto devos esti enkondukata en ĉiuj landoj de la mondo kiel **dua lingvo!**"
El la nuntempa lernant-generacio elvenos tiuj viroj, kiuj estros la ŝtatojn kaj ekonomion en ĉiuj landoj. Se oni tial jam en plej proksima tempo komencos la instruadon de Esperanto en ĉiuj mezgradaj lernejoj, la garantio estas donata, ke je la sojlo de la nova jarmilo ĉiuj popoloj kapablos interkompreniĝi. Tio ankaŭ servos al la interpaciĝo kaj la paco en ĝis nun ne atendita mezuro.
Konsiderante, ke tiu ĉi celo helpos en pli granda grado al la disvastigo de Esperanto, mi opinias, ke la intencoj de la nova Ligo meritas ankaŭ nian subtenon. Tial mi turnas min al vi, karaj legantoj, kunlabori en via lando en la komence citita dokumentado kaj okaze sendi al la Ligo la petitajn datojn, kiujn vi trovis en publikigaĵoj ktp.
Per via kunlaboro vi fariĝos membro de la Ligo (se vi deziras) **sen** pago de iu kotizo. Mi esperas, ke multaj el niaj aktivuloj kunlaboras.

Wien, 22-12-1959

Fondinto kaj direktoro de IEMW
Hugo Steiner,

## LINGVAJ DEMANDOJ

Tiu ĉi rubriko ricevis bonan akcepton flanke de niaj lingvo-kompetentuloj. La temo „Vagonaro — Trajno" ŝajnis al mi unuavide tre simpla. Ke ĝi tamen ne estas tia, montriĝas el la artikolo de s-ro Rosher en la decembra numero kaj la nunaj de la kolegoj Ritterspach kaj Giessner.

En nia oktobra Bulteno malfermiĝis — tre salutinde — nova rubriko „Lingvaj Demandoj". Bedaŭrinde la unua termino diskutita ne estis sufiĉe precize prezentita. Tial jen klariga kompletigo:
En la Plena Vortaro ni legas: Vagonaro: serio da vagonoj, ligitaj inter si kaj trenataj de lokomotivo aŭ alia motorveturilo.

Trajno: vagonaro movata de lokomotivo aŭ alia motora forto.
La duan difinon ni akceptas, senkritike, kun la aldono, ke „trajno" estas ankaŭ uzata en la senco de „trajnveturo".
Ekzemplo: per laŭtparoliloj oni diskonigas en finstacioj: „Ĉiuj bonvolu eltrajniĝi, la trajno finiĝas".
La unua difino, nome por vagonaro, devas teksti: serio da vagonoj, ligitaj inter si **por esti** trenataj de lokomotivo aŭ alia motorveturilo.
Tiu precizigo necesas, ĉar „vagonaro" ne estas identa kun „trajno".
Pasaĝervagonaro estas aro da pasaĝervagonoj, interkuplitaj, plej ofte kun raŭt-afiŝoj, sur kiuj oni povas legi la destinlokon de la veturo.
Kun lokomotivo la kompleta vagonaro formas trajnon laŭhoraran aŭ ekstra trajnon. Jen ekzempla teksto: dekdu kvaraksaj pasaĝervagonoj interkuplitaj formas la vagonaron Kar 1970. Tiu ĉi vagonaro veturas matene kiel trajno E 540 de Frankfurto al Basel kaj posttagmeze la sama vagonaro reveturas kiel trajno E 539 de Basel al Frankfurto.
Alia ekzemplo: piede de ordigmonto en manovro-stacio oni klasifas la ŝarĝvagonojn laŭ iliaj destinlokoj kaj destindirektoj. Por formi la ŝarĝtrajnon De 5009 de Heidelberg al Munkeno oni vicigas la vagonojn por Ulm trajnkape post la lokomotivo, tiujn por Munkeno trajnmeze, kaj trajnfine la vagonojn por Stuttgart. Se unu sola el tiuj vagongrupoj atingas cent aksojn, oni interkuplas tiujn vagonojn formante vagonaron por ekstratrajno.

Ritterspach, gvidanto de la Terminara Komitato.

Laŭ mi la afero pri „Vagonaro — Trajno" ne povas esti neklara. En PV staras ankaŭ: „Aro da dehakitaj arboj" (nura amaso ne formanta apartan tuton). Tio estas analoga al „aro da vagonoj" t.e. pluraj vagonoj, kiuj staras sur diversaj relparoj unuope aŭ en grupoj, sed ne formas „apartan tuton".
„Vagonaro": serio da vagonoj, ligitaj inter si kaj trenataj de lokomotivo aŭ alia motorveturilo.
La vorton „Trajno" PV klarigas jene:
1) Vagonaro movata de lokomotivo aŭ alia motora forto.
2) Veturilaro sekvanta armeon.
Sekve la difinoj en PV por vagonaro kaj trajno ne multe diferenciĝas. Tamen la lingva uzo, precipe ankaŭ en la ĝis nun eldonitaj horarŝlosiloj kaj faldprospektoj estas: „Vagonaro: serio da vagonoj, ligitaj inter si (sen tirforto)". „Trajno: vagonaro kun lokomotivo aŭ alia tirforto". Tio signifas, ke ekz. motorvagonaro, kiu konsistas el „serio da vagonoj ligitaj inter si", **devas** esti nomata „motortrajno" kiam ĝi trafikas kiel trajno (kun aŭ sen pasaĝeroj). Sed ĝi povas esti nomata „motorvagonaro" kiam ĝi ekz. staras en ripozejo.

Giessner, Germanio.

Tri kompetentuloj konigis sian starpunkton pri la temo „Vagonaro — Trajno", kaj ĉiuj venis al la sama konkludo, nome ke „Vagonaro" estas serio da vagonoj interkuplitaj, sed sen tirforto.
Tiu sama vagonaro, aŭ aliaj veturiloj kiel ekz. motorvagono kaj lokomotivo, fariĝas „Trajno" kiam ĝi staras preta por forveturi laŭhorare. - Red. L.I.F.

## GEFA AĈETAS DIAPOZITIVOJN

GEFA planas kunmeti vicon da diapozitivoj, kiuj estas taŭgaj por allogi ne-

esperantistojn kaj konvinki ilin pro la valoro de nia afero. Tiu ĉi dia-kolekto estos akompanata de surbendigita prelego en germana lingvo kaj povos esti prunteprenata de ĉiuj GEFA-grupoj por prezentado en varbaranĝoj. Tiamaniere ĉiu loka societo kaj eĉ individuaj membroj disponos pri la ebleco, doni al neesperantistoj interesan kaj konvinkan impreson. Tamen necesos, ke antaŭe la aranĝontoj laŭ la lokaj cirkonstancoj mem parolu koncize pri la plej gravaj sciindaĵoj ĝeneralaj, ekz. pri la vivo de Zamenhof, neceso de komuna lingvo, ekesto de la lingvo, ĝia simpleco ktp. La dia-kolekto poste kompletigos la impreson de la persone parolataj vortoj.
Por havigi al si taŭgajn diapozitivojn, GEFA petas sendi teknike neriproĉeblajn diapozitivojn 24 × 36 al la prezidanto de GEFA, Joachim Giessner, Bahnhof Elze/Hann, Germanio. Tiaj, kiaj estos elektitaj, **estos kopiataj kaj redonataj** al la propruloj, kiuj krome ricevos 5 GM po elektita diapozitivo. La nebezonataj kompreneble estos resendataj al la propruloj. Dezirataj estas bildoj, kiuj montras tipajn specialaĵojn el Esperantujo, scenojn el fervojistaj aŭ universalaj kongresoj, ekspoziciojn, societan vivon, portretojn de altaj eminentuloj kaj de (prefere) ekzotikaj oratoroj ktp. Ne akceptataj estos diapozitivoj pri konstruaĵoj, pejzaĝoj kaj tiaj, kiuj ankaŭ povus esti farataj en neesperantistaj medioj.
La diapozitivoj devos alveni ĉe s-ro Giessner ĝis plej malfrue la 30a de aprilo 1960.

---

## ESPERANTISTA KULTURDOMO KASTELO GRESILLON

**Restadoj dum la jaro 1960:**

Paskaj libertempoj de la 3-a ĝis la 17-a de aprilo: Kurso de Esperanto, konversacioj, bindartoj ktp.
Dum somero 1960 la kastelo Grésillon estos malfermita de la 15- de junio ĝis la 20-a de septembro.

1-a Periodo: 15-an de junio—30-a de junio: Kurso de Esperanto por komencantoj, turismaj karavanoj, ripozo.

2-a Periodo: 1-an de julio—14-an de julio: Kursoj de Esperanto (1-a kaj 2-a gradaj), diversaĵoj.

3-a Periodo: 14-an de julio—24-an de julio: Internacia renkontiĝo, prelegoj, diskutoj, ekskursoj ktp.

4-a Periodo: 25-an de julio—6-an de aŭgusto: Francaj kursoj por eksterlandanoj pere de Esperanto.

5-a Periodo: 7-an de aŭgusto—28-an de aŭgusto: Esperantistaj kaj kulturaj semajnoj, tri kursoj de Esperanto.

6-a Periodo: 28-an de aŭgusto—11-an de septembro: Praktika kaj supera kurso de Esperanto sub aŭspicioj de U.E.F. Direktoro S-ro Ribot.

7-a Periodo: 11-an de septembro—20-an de septembro: Ripozo kaj diversaj kunvenoj. Petu sciigojn al: Kastelo Grésillon, Baugé (M. et L., Francujo.)

## RADIO-ELSENDO EN ESPERANTO

**Pola Radio elsendas** ĉiutage duonhoron programon en Esperanto per la jenaj ondoj: mallongaj 25,05, 25,20, 25,29, 30,98, 31,45, 31,50, 41,12 m. Je meza longo: 249 m. Mezeŭropa tempo 16.30—17.00.

Skemo de la ĉiusemajna programo:

Lunde: Felietono pri politika, socia, ekonomia aŭ kultura temo;
Marde: Vortmuzika elsendo;
Merkrede: Kultura felietono kaj koncerto kun bondeziroj;
Ĵaŭde: Komentario de observanto kaj leterkesto;
Vendrede: Literatura rubriko;
Sabate: Sonrevuo;
Dimanĉe: La Panorama de internaciaj eventoj, kaj Esperantista Magazino „Sub la verda stelo".

Pri viaj sugestoj, deziroj kaj rimarkoj skribu al Pola Radio, Esperantaj disaŭdigoj, Varsovio, Pollando. Viaj leteroj estas ĉiam bonvenaj.

**La voĉo de Ameriko,** la tutmonda radio-servo de la usona registaro, decidis dissendi eksperimentan serion da programoj en Esperanto, komencantan la 11-an de marto 1960. Oni preparas ses programojn 30-minutajn kun tre varia enhavo: intervjuoj, diskutrondoj, raportoj pri kulturo, literaturo, ekonomio, scienco, tekniko kaj la eksterlanda politiko de Usono, novaĵoj el la Esperanto-movado kaj Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko.
La programojn direktas D-ro William Solzbacher, Membro de la Akademio de Esperanto, en kunlaboro kun fakuloj kaj eminentuloj usonaj kaj eksterlandaj. En ses sinsekvaj semajnoj ĉiu programo estos dissendata trifoje ĉiun vendredon je 11.00, 12.00 kaj 22.00 h. laŭ la horsistemo de Greenwich.
La unua sendo sur la ondolongo 41.90 metroj; la dua sendo sur 19.72, kaj la tria sur 31.28 kaj 30.74 m.
La Voĉo de Ameriko decidos laŭ la spertoj kaj rezultoj de la eksperimenta serio pri eventuala regula uzo de Esperanto. Raportoj pri la ricevo de la programoj, rimarkoj pri la enhavo kaj demandoj respondotaj en la rubriko: „Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko" estu adresataj al D-ro W. Solzbacher, Voice of America, Rm 2528 HEW, Washington 25, D.C., Usono.
Sendinto de demando por „Demandoj kaj Respondoj" laŭeble ricevos antaŭan informon pri la tago, kiam la respondo estos donata antaŭ la mikrofono.

Ne ĉiuj konscias kian eksterordinaran gravecon havas la radio-elsendoj en Esperanto por la praktika utiligo de la lingvo kaj por ĝia plua disvastigo. Ofte ni devas multe klopodi por fine atingi tian elsendon. Sed kiam ni estas atinginta ĝin, bedaŭrinde ne ĉiam ni dediĉas al tiu grava akiro la meritítan atenton. Por kuraĝigi niajn sindonajn laborantojn sur tiu kampo, kiuj de tago al tago, de monato al monato, dum multaj jaroj preparas programojn, estas gravege ke la direkcio de la koncerna radio-stacio ricevu multajn korespondaĵojn. Tio samtempe firmigos la poziciojn de la Esperantaj elsendoj.

---

## VOJAĜKUNULO AL HELSINKI SERĈATA

Pro malhelpo de mia ĝignuna vojaĝkunulo, mi, sesdekjara trajnĉefo, serĉas unu aŭ pli da novaj kunvojaĝontoj por komuna vojaĝprojekto. Post la fino de la kongreso, la vojaĝo konduku norden trans Tampere, Kemi, Tornio, eble deflankiĝo al Rovaniemi, Finlanda-Laplanda metropolo, Boden, Abisko ĝis Narvik. De tie denove suden trans Trondheim, Lillehammer, Oslo, Götenborg, Frederikshaven, Aarhus, Padborg hejmen. Vojaĝinterrompo laŭ interkonsento.
Ni uzos la junulargastejojn en diversaj lokoj. Mi estas lerta en efektivigado de eksterlandaj vojaĝoj. (Longjara membro de Internacia Turista Asocio „La naturamikoj"). Angla lingvoscio dezirata, sed ne absolute necesa.
Gesamideanoj loĝantaj laŭlonge de la vojaĝvojo, havantaj emon interkonatiĝi kun eksterlandaj kolegoj, ankaŭ estas petataj ekkontakti. Seriozaj interesuloj bonvolu skribi al: Erhard Redlich, Bischof Konradstr. 14, Regensburg, Germanio.

## GEESPERANTISTAJ EDZIĜOJ

Sinjoro Abele Sangiorgi, membro de la itala sekcio, la 8-an de novembro edziĝis al fraŭlino Anna Meri, membrino de la Junulara Esperanto-Grupo en Bologna.

En Vieno la 17-an de septembro kolego Peter Möller el Nyborg edziĝis al f-ino Emmy Bauer el Vieno.
Rimarkinde estas ke ili interkonatiĝis dum la postkongreso de nia 11-a en Linz. Al ambaŭ paroj la IFEF-estraro kaj la koncernaj landaj estraroj deziras multan feliĉon kaj ili esperas ke pro sia feliĉo ili ne forgesos niajn kongresojn.

## EL ALIAJ ESPERANTO-ORGANIZOJ

La 16-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO okazos en Rotterdam inter la 23-a kaj 30-a de julio. Interesuloj petu informojn kaj programon al: Kongreso de T.E.J.O., Eendrachtsweg 7, Rotterdam, Nederlando.
Ĉar la nombro da lokoj estas limigita, frua aliĝo estas dezirata.

La 52-a Franca Kongreso de Esperanto okazos de la 4-a ĝis la 6-a de junio en MONTELIMAR, malgranda urbo de la Rodana Valo, sude de Francujo. Tiu kongreso devas esti alloga al la esperantistaro per sia programo, la beleco de la regiono kie ĝi okazos kaj ankaŭ... per la nugato de Montélimar fame konata en la mondo.
Krom la kongreso okazos diversaj ekskuroj bankedo kaj balo.
La eksterlandaj samideanoj estas kore invitataj. Por ili la aliĝo estas senpage.
Interesuloj petu informojn ĉe: Nacia Kongreso de Esperanto, Route de Châteauneuf, MONTELIMAR (Drôme), Francujo.
Limdato por aliĝi estas la 1-a de majo 1960.

Esperantista Fremdultrafika Servo rezervas hotelĉambrojn por individuoj kaj karavanoj (ankaŭ modesta tranokto). Ĝi prizorgas gvidadon kaj informojn kaj sendas turistajn prospektojn.
Por plene efektivigi la servon ĝi serĉas kunlaborantojn kontribuitajn.
Direkcio: R. Loeckx, Konijnenperken 109, Bruselo 17, Belgio. F.D. U.E.A. Tel. Bruselo 72.32.22 (1 Rpk. m.p. por korespondaĵo).

## INTERNACIA FERIO-SEMAJNO SUR HERZBERG

Sub patroneco de Svisa Asocio de Esperantistaj Fervojistoj ĉi-jare denove okazos feriosemajno por fervojistoj kaj ties familianoj de la 20-a ĝis la 26-a de junio. Dum la plej bela somera sezono ĝi okazos. Vi ekskursos sur la JURA (montaro); tra la altebenaĵo svisa kaj en la koron de la Berna Oberlando (juveloj de la Alpoj).
Kasteloj malnovaj, romanaj ruinoj, famaj pentraĵoj kaj skulptaĵoj en mezepokaj monaĥejoj, same kiel malnovaj svisaj urbetoj estos esplorataj. Elektraj fervojoj, vapor- kaj motorŝipoj alterne kun aŭtobusoj, ja eĉ dentradfervojo transportos vin.
Neimageble bela estas la elvido de la **Feriodomo** HERZBERG.
Bonega montar-arbara aero refreŝigos viajn pulmojn. Nenia motorbruo ĝenos vin dumnokte. Nur la venteto flustros ion sekretan en viajn orelojn dum la promenadetoj. Amika kunesto en la ĉambrego de la hejmo, pliagrabligata per amuzaĵoj, fariĝos neforgesebla. Vi hejmeniros kun ĝojplenaj koroj kaj riĉigitaj per novaj amikaj rilatoj.
**Do, ne hezitu ... aliĝu tuj!!!**
La partoprennombro estas limigita je 65 personoj.

**Kondiĉo:**
La semajnestro parolas esperante, france, germane kaj itale. Por alilingvanoj estas necese ke ili estu akompanataj per esperantisto por interpreti.

**Prezo:**
FrS. 90.— (pagenda ĉe alveno) por pensiono kaj ekskursoj, sed sen la semajnfina ekskurso.
Por unu- kaj du-litaj ĉambroj FrS. 1.— pli po nokto. (Je dispono estas po kvin ĉambroj.)

**Vojaĝbiletoj:**
Oni mendu jene kaj mem pagas: Landlimo—Aarau—Seetal—Luzern—Brünig —Interlaken Bf kaj ŝipe (BLS) ĝis Thun; de tie reen al la landlimo, laŭvole. La pagendajn biletojn vi akiru de la trafikoficejoj svisaj en viaj centraj urboj.

**Aliĝo:**
Anoncu vin al la suba organiza adreso, kiu ankaŭ donas, se necese, pliajn informojn. Lasta templimo por aliĝi estas la 31-a de majo.
Organiza adreso: Hans Hunkeler, trajnĉefo, Girixweg 31, **Aarau,** Svislando.

## LETERVESPERO

Komence de marto la Esperanto-rondo de Fervoja Direkcio en Debrecen arangôs letervesperon okaze de kursfino. Skribu multnombre al Allamvasutak Igazgatósága - Eszperantó kör - DEBRECEN - Hungario.




Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando